# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## SABADELL




Paseo de Manresa

Nº 221 - MAYO-JUNIO, 1977

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, nº 13, 3º nº 7 - Telf. (91) 446 80 79 – MADRID - 15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galvany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 – BARCELONA - 14.
**Comité de Redacción:** D. Llibert Puig, D. Giordano Moya, D. V. Hernández Llusera, D. Gabriel Mora y Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis de Yzaguirre, D. Rafael Herrero.


## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Str.Rodríguez San Pedro, 13-3º,7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 – 7º
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 – 8º
MADRID-20

H.E.F.–Ĉekkonto: Nº 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
Pº Marina Moreno, 35 – 4º
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankau ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

## REFLEXIONES DEL PRESIDENTE DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO EN TORNO AL XXXVII CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO, QUE TENDRA LUGAR EN SABADELL, DEL 20 AL 24 DEL PROXIMO JULIO.

Ciertamente, la ciudad de Sabadell, que este año asume la ardua misión de ser patrocinadora y sede del XXXVII Congreso Español de Esperanto, no precisa de ditirambos ni de otros tipos de expresiones ampulosas para poner de relieve la labor realizada por los esperantistas sabadellenses. Con tal eficacia, que su resonancia, constituye una de las notas salientes de la ciudad dignas de mención y de figurar en las enciclopedias. Por lo que del caso concreto que nos ocupa, se hace referencia en la ENCICLOPEDIA UNIVERSAL ILUSTRADA "Espasa".

Así pues, el abolengo esperantista de Sabadell, a lo largo del tiempo, es incontrovertible; y este factor, aparte de otros varios no faltos de interés, debe ser determinante para esperar una asistencia masiva de esperantistas y simpatizantes al Congreso dentro de lo que permiten las dificultades inherentes a las condiciones de la estación en que se celebran estos congresos; y a las molestias que originan los viajes. Circunstancias peyorativas que hay que afrontar a veces con verdadero espíritu de sacrificio.

Confio en que una vez más, el entusiasmo enardecido por el acicate de podernos encontrar en un entorno de verdadera raigambre esperantista, y la responsabilidad que a todos nos impone la necesidad de buscar y arbitrar los medios más apropiados para asegurar la continuidad del desenvolvimiento de su vida a la Federación Española de Esperanto y al movimiento esperantista español con nuevos brios (sobre la base de una problemática en dependencia de las nuevas vicisitudes que se ofrezcan como resultado de los cambios que se operan en la reestructuración del Estado Español) será motivo suficiente para afrontar este sacrificio y acudir al Congreso.

Uno de los hechos a considerar en la nueva problemática, es nuestra aspiración común de lograr la introducción de la enseñanza del Esperanto en los distintos niveles educativos, lo que obligará a la Federación Española de Esperanto, a llevar a cabo una intensísima propaganda de captación de los Senadores y Procuradores de la nueva Democracia para que, con su apoyo, un día no lejano cristalice en realidad concreta esa

transcendental aspiración de los esperantistas, que por otra parte contribuirá poderosamente a la generalización del uso del Esperanto, como Lengua Universal.

Conviene tener en cuenta que hoy, la Federación Española de Esperanto, cuando vaya a emprender seriamente esa Campaña de Propaganda, puede contar ya con el órgano permanente que, a mi modo de ver, es absolutamente indispensable para afrontar con garantia de éxito una Campaña de tal magnitud, sobre todo por su especificidad.

Naturalmente, me refiero a la posesión de la Secretaría u Oficina Central radicada en Madrid, Rodriguez San Pedro, nº 13, puesto que por mucho que llegue a radicalizarse la descentralización, resulta utópico en este momento admitir la posibilidad de la supresión de los Gobiernos Centrales.

Por consiguiente, la Federación Española de Esperanto, cuanto mayor sea su desenvolvimiento y el alcance de su labor, tanto mayor será la necesidad de recabar la ayuda y la cooperación del Estado. Y mayor será tambien en tales circunstancias la necesidad de mantener órganos permanentes cerca de aquellos ramos de la administración cuya actividad pueda guardar alguna concomitancia con los fines que persigue el Esperanto.

No podemos olvidar que el Esperanto precisa imperiosamente de la ayuda del Estado, si ha de lograr un día cumplir plenamente su función de lengua universal al servicio de las culturas de caracter universalista que incumbe realizar a las sociedades venideras. Pero entretanto, el peso de esa transformación que ha de operarse en la actuación de las sociedades esperantistas, no puede prescindir de la aportación y del sacrificio de los esperantistas que heroicamente prestan con voluntad, abnegación y esfuerzo su contribución para llevar adelante su gran obra en servicio del progreso y el bienestar de la humanidad.

Angel Figuerola Auque

# 48-a ITALA KONGRESO DE ESPERANTO

## CAMPOBASSO, 3-10 septembro 1977

Sendu aliĝilojn kaj petu informojn rekte al Itala Esperanto-Federacio, Via Villoresi 38, 20143 Milano. Italujo.

**Post Bulonjo, Kampobaso**

Iam, antaŭ jardekoj, estis trankvila urbeto ĉe la franca marbordo.
La loĝantoj verŝajne enuis pro neni-okazado; ili simple naskiĝis, vivis kaj mortis.

Iun tagon en la jaro 1905-a ekalvenis al tiu urbeto amaso da eksterlandanoj kaj da landanoj. La naivaj loĝantoj opiniis, ke temas pri angloj kaj francoj, pri poloj kajrusoj, sed male, temis nur pri homoj kaj homoj. Tiel komenciĝis la unua Esperanto-kongreso en Bulonjo-ĉe-maro.

La unuan vesperon la alvenintoj interkonatiĝis, la postan tagon ili solene inaŭguris, kaj poste komenciĝis tuj la labora parto de la kongreso, kies ĉefa ero konsistis el disputo pri vortumado kaj deklaracio.

Post jardekoj tiu sama rito, senŝanĝe, ripetiĝas ĉie en la mondo, kie kunvenas parolantoj de neŭtrale homa, aŭ, laŭ alia gusto, internacia, lingvo.

Ne devus, do, esti mirinde, ke kelkaj esperantistoj post jardekoj da interkonaj vesperoj kaj da solenaj inaŭguroj enuis pri la tuta rito kaj decidis klopodi ŝanĝi ĝin. Tiun klopodon povos sperti "sur la propra haŭto" la partoprenontoj de la venontjara itala nacia Esperanto-kongreso en Kampobaso, centra Italujo.

La estraro de Itala Esperanto-Federacio decidis fakte eksperimenti en Kampobaso novspecan kongreson, kiu malsimilu la kutiman Esperanto foiron.

Ĝi baziĝas sur du gvidideoj: Unuflanke, ĉiuj aliĝintoj devas partopreni la laborojn (kaj tiel ricevi ion, ian kulturan pliriĉiĝon de la kongreso), aliflanke, la laboroj estas aranĝataj tiumaniere, ke ili taŭgu por la malsamspecaj partoprenantoj.

(daŭrigota)

# ESPERANTO EN LA PRAKTIKO

Unue, permesu ke mi prezentu min al vi. Mia nomo estas Johano, fraŭla junulo, nur 50-jara, tre entuziasma esperantisto, kompreneble absolute ne fanatikulo, loĝanta en malgranda vilaĝo. En mia dormoĉambro pendas la protreto de D-ro L. L. Zamenhof, apude staras granda esperanta flago, kaj la muroj kaj lito estas farbitaj verde. Mi havas hundon nomata "Esperanto" kaj kravaton kun 103 verdaj steletoj. Sur mia piĵamo estas brodita bela silka stelo, ĉar tiel, se mi sonĝas pri esperantisto, tiu ĉi tuj konstatos, ke ankaŭ mi parolas la saman lingvon.

La lernadon de esperanto mi komencis antaŭ dek kvin jaroj, kiel aŭtodidakto. Danke al la facileco de la Internacia Lingvo, nun mi jam kapablas diri "Bonan tagon! Kiel vi fartas? Ĝis revido!".

Tre bona esperantisto kaj tre agema mi estas: la tuta vilaĝanaro scias kio estas Esperanto, danke al mia konstanta propagando en la kafejo, surstrate, unuvorte, ĉie. Eĉ oni nomas min "Johano la esperantisto". Tio estas granda ĝojo por mi! Verdire, mi estas la unika samideano en mia vilaĝo kaj ĉirkaŭaĵoj.

Neniam mi partoprenis en Kongreso nek nacia nek internacia, sed tio estas tute ne grava. Ĉiuj esperantistoj de la mondo devus imiti min, ĉar mi aĉetas ĉiujare unu Esperantan libron! jes, kaj precize je la "Zamenhofa Tago", la tago de la Esperanto-Libro. Mia biblioteko entenas specialan breton, kie staras nur esperantaj verkoj. Entute mi posedas 15 librojn! tiom kiom da jaroj mi estas en la Movado; kaj certe, fine mi havos 60 aŭ 70 pliajn, ĉar mi intencas vivi ĝis atingi almenaŭ cent jarojn (laŭ la nekrologoj aperintaj en la Esperanta gazetaro, la esperantistoj longe vivas).

La unua verko, kiun mi aĉetis post la lernolibro per kiu mi eklernis la Internacian Lingvon, estis la "Fundamento de Esperanto"; poste, "Retoriko", el tiu ĉi lasta, mi multon lernis pri la arto paroli esperantlingve al la publiko, kvankam, ĝis nun, mi ankoraŭ ne havis okazon fari tion.

La libron aĉetitan en la Libro-Tago, mi legas, relegas kaj trafoliumas dum unu tuta jaro; nokte kaj tage ĝi akompanas min; ĝi kuŝas sur la tablotuko, apud la telero, kiam mi manĝas (kelkfoje falas sur la legatan paĝon olea gutego aŭ supo aŭ saŭco, sed ne gravas, male, la makuloj ornamas la libron, ili estas kiel ordenaj honoraj medaloj).

La lasta libro akirita, pasintan decembron, estas la plej utila libro de Esperantujo: la PIV, t. e., la Plena Ilustrita Vortaro. Gi estas belega amaso da vortoj. Ĉiunokte, post verpermanĝo, en la lito, mi encerbumigas la 3.297 (eble mi miskalkulis) neo-

logismojn, kiujn entenas PIVo, kies kvanto estas la 21,98 procentoj el la vorttrezoro. Kiam mi scios parkere ĉiujn neologismojn, tiam mi fariĝos la plej granda erudiciulo el la tuta historio de la Esperanto-Movado.

Mi estas konvinkita, ke la Esperanta Literaturo estas tre utila. Tion mi demonstros al vi sekve: antaŭ unu semajno, pro labora demarŝo, mi vojaĝis al la granda urbo. Dum la veturado mi legis PIVon. Post elvagoniĝo je la sesa horo matene, kiam la suno ankoraŭ ne estas videbla ĉe la ĉielo kaj strate regas la malhelo, proksime de la stacidomo mi estis surprizita de rabisto, kiu portis ĉemane poŝan tranĉilegon per kio li minacis min. En tiu momento mi rememoris frazon, kiun mi legis iam en libro: "UZU ESPERANTON EN LA PRAKTIKO" Jen, mi pensis, nun estas bona okazo por uzi esperantan literaturon, kaj prenante per mia dekstra mano mian dikan PIVon, kiun mi tenis sub la maldekstra akselo apogita sur la antaŭbrako, mi forte frapis per ĝi la kapon de la ŝtelisto, kiu falis senkonscie teren, kaj post kelkaj minutoj policisto arestis lin.

Tio pruvas, ke la Esperanta Literaturo estas tre utila.

PETRO NUEZ

# "KONTAKTO" JUBILEA NUMERO 50

Nekredeble! Ĉu jam 50? Jes, legantoj, la revuo eldonita de TEJO, kiu ekaperis en oktobro en 1963, atingis nun sian 50-an numeron. Ĝi enhavas diversajn raportojn pri la historio de TEJO kaj ankaŭ analizon de la redakcia agado de la fondintoj, ĉefredaktoroj kaj kunlaborantoj, kiuj prenis sur sin la taskon eldoni altnivelan kulturan E-revuon.

Nun, kiam oni konstatas la gigantan faritan laboron, ni deziras esprimi niajn dankemajn kaj gratulajn vortojn al la samideanoj: Marek Pietrzat, Günter Becker, Humprey Tonkin, Stef Maul, Roman Dobrzynski, Vin Jansen, Ulriĥ Lins, Simo Milojeviĉ, Giorgio Silfer, Miguel Gutierrez Aduriz, Juan Azcuénaga, k.a. pro iliaj sukcesoj.

**VERE "KONTAKTO" ESTAS UNIKA KULTURA REVUO**
ABONU LA REVUON "KONTAKTO" REKTE AL: Ĉefdelegito de UEA s-ro L. Mª Hernández Yzal, D-ro Esperanto 12. San Pau d'Ordal (Barcelono)

**Jara abono nur 375 pesetoj**

# Malfermita letero al ciuj hef-anoj

La provizora HEJS-estraro komisiis min verki artikolon por HEF-a "Boletín", prezentantan skize la nunajn cirkonstancojn de nia Junulara Sekcio. Mi akceptis ĝoje, kaj mi komencas resumante, nia-opinie, kia devus esti junulara sekcio de esperantista societo.

Gi devus, kompreneble, havi propran karakteron, fontantan el la specifaj trajtoj de juna aĝo, kaj metodojn adekvatajn al tia karaktero. Tio devas tiel esti ne nur pro tio, ke junuloj kapablu funkciigi ĝin, sed ankaŭ pro tio, ke ĝi povu disvolvoĝi en la junulara medio, ne kiel enmiksiĝinto aŭ stranga rara fremdulo, sed kiel plenrajta ero el tiu medio.

Gi posedu ankaŭ memdecidivon, t. e., oni konsideru ĝin plenaĝa, ne-plu-infana, sekve kapabla fari, teni, antaŭenigi kaj sukcesigi proprajn decidojn sen bezono el patreca konsento aŭ beno. Oni agnosku al ĝi eĉ la rajton neakordi kun siaj pli-aĝuloj, ne ĉiam pensi kaj agi kvazaŭ maturulo: ĉiokaze, ĝi estus la serioza, saĝega kaj promesoplena "jun"-ulo, kiu tiom plaĉas al certaj maturuloj, kiu estas taksata de ĝiaj samaĝuloj -teda, naiva, "jes-paĉjo" - diranta sentaŭgulo, kaj kiu, pro sia fakta nejuneco, havas neniam ŝancon esti efektive akceptata de junuloj. Junulara Sekcio sekvu sian apartan vojon sub la nura kondiĉo, ke ĝi neniam kontraŭbatalu la celojn de la Asocio, kies Sekcio ĝi estas.

Ankaŭ organizaĵo konsistigata de junuloj (kaj tio validas ne nur por junuloj) devas havi tian internan strukturigon, ke ĉiuj el siaj anoj sentu sin kun-aganto: aŭ tial, ke ĝi povu elekti estraranojn, per kiuj ĝi estu reprezentate kun-faranto, aŭ tiel, ke ĝi mem povas partopreni la estradon de la asocio. Tio ĉi nur eblas pere de demokrata strukturo.

Alia trajto de junulara organizo devas esti siaj rilatoj kun nejunulara organizo: unue, ĉar la anoj de junula asocio rapide ĉerpas la tempolimon fiksitan ĉe ĝi kaj riĉigas la vicojn de kamarada asocio (kontraŭe, tiuj fortoj perdiĝus); due, ĉar tiu pridirita velkiĝemo de la junularaj fortoj ege endanĝerigus junulan asocion, se ĝi ne ricevus helpon, en la krizaj momentoj, de plej stabila asocio, kies celo estu komuna. Bedaŭrinde, Hispana Esperantista Junulara Sekcio ne tute plenumas tiujn trajtojn. Gi ne posedas iajn aktualajn karakterojn kaj metodojn, kiuj certigu ĝian protagonismon en la junulara vivo de nia lando. Gi ankaŭ ne posedas memdecidivon, ĉar ĝi eĉ estas estrata de personoj, elektataj de aliaj homoj, kiuj ne estas membroj de HEJS!! Tiu sola fakto evidentigas la gradon de demokrateco ekzistanta ĉe ni. Laste opinieblas, ke la rilatoj HEF-HEJS povas esti pliboniĝitaj.

Tial estas urĝa laboro por ĉiuj, ne nur junaj, esperantistoj ĉe ni, kunlabori al renovigo de HEJS, tial ke ĝi povu: 1-e. kulturi proprajn karakteron kaj metodojn; 2-e, akiri sufiĉan aŭtonomecon por povi antaŭenigi sian junulan vojon al Esperantujo; 3-e, demokratigi siajn strukturon kaj funkciadon; 4-e, starigi konstantan dialogon kun HEF por remodli, la reciprokajn rilatojn, adaptante ilin al la nunaj cirkonstancoj.

Nur restas diri, ke renovigi asocion ĝis tia grado estas nefacila laboro, ĉe kiu HEF-anoj bone povas helpi nin: a) ili povas pripensi ĉion ĉi-supre, kaj sugesti farindajn paŝojn, por helpi nin trovi nian vojon; b) ili povas kunlabori instigante kaj kuraĝige apogante nin realigi la necesajn ŝanĝojn; c)(kaj malgraŭ tio, ke ĝi estu laste dirite, ne malpli grave) ili povas fariĝi membroj-apogantoj de HEJS kaj, kontraŭ modesta minimuma kotizo da ducent pesetoj, ili povos de pli proksime koni nin pere de nia Bulteno.

Ludoviko de Yzaguirre
Prezidanto de H.E.J.S.

---

# "LA ESPERO"

## SENDEPENDA MONATA ESPERANTO-GAZETO ELDONITA EN KOREA

Ĵus atingis nian redaktejon, el Korea, nova E-revuo; ĝi aperos monate, kaj laŭ la informoj aperitaj en la gratula numero, kunlaboros en ĝia redakcio, elstaraj verkistoj ne nur el Azio sed el la kvin kontinentoj. Kun bonegaj tipografioj, koloraj bildoj, luksa papero kaj pura Esperanto-stilo, certe ĝi sukcesos. Gratulojn al s-ro prezidanto de "LA ESPERO" Moo-Hyup Han kaj s-ro redaktoro Eil Paul K. KIM

Sendu gratulojn, kunlaboraĵojn kaj abonojn al la jena adreso:

"LA ESPERO" C.P.O. Kesto 2752, Seoul -100-Korea

# La dua vojago

Post jaroj da studo kaj laboro mi finis mian maŝinon. Ĝi estis multe pli eta kaj simpla ol tiu de Wells: nur ŝtala skatoleto kun unu butono kaj unu regulilo kun skalo. Mi provis ĝin en la pensiono, fronte al la spegulo, tuj post razi min, kaj mi pasis ne sentante ĝin en la noktomezon. Mi persistis, kaj alvenis kvazaŭ bato la sekvan tagon. Multaj aliaj provoj kaj multaj subitaj forestoj lernigis al mi la riskojn kaj la vojaĝan teknikon. Eble iu tre imagiva scias kion signifas la vorto libereco. Mi trovis difinon: nun mi scias ke ĝi estas iluzia; tamen, neniu konas eĉ tiun iluzion. Libereco estas diri en si "Mi iros en la futuron", premi butonon kaj pafi sin. Mi tion faris.

Mi ne havis amojn nek ligilojn, nur grandan deziron vojaĝi. Ha, se vi estus vidintaj la urbon de la jaro tri mil! Ne interesas min tio, kion vi pensas: ja mi scias, ke mi ŝajnas maljunulo, kvankam male, pro ĉi nostalgio al estonteco. Estis en printempo, printempo iom pli varma ol tiu nuna. Neniam mi komprenis pri arto nek tiaj aferoj, ĉar nur la mekaniko interesis min; sed en tiu urbo, la metalo estis pli dolĉa ol la floroj. Estis, kompreneble, ĉiaspecaj problemoj kaj tumultoj, kaj, tamen, inter tiu estonta homamaso mi trovis mian hejmon. Kaj ankaŭ, troviĝis Vera. Honore al mi -mi estis la unua vojaĝanto tra la tempo- oni faris festojn kaj omaĝojn. Mi ĉeestis multnombrajn nekutimajn intervjuojn, kaj, vesperon, Vera diris al mi en la orelon kie trovi ŝin.

Ŝi estis mil jaroj pli aĝa ol mi, sed nur deknaŭjara. Apenaŭ unu nokton mi pasigis kun ŝi inter la riverbordaj plantoj. Mi neniam antaŭe estis enamiĝinta kaj ŝia talio estis ankoraŭ pli gracia kaj facilmova ol la akvo. Kune ni trairis la altegajn remparojn kaj ni rigardis lunon, kiu hodiaŭ ne ekzistas. Mi sentis resanigita mian vojaĝemon; mi pensis resti.

Kaj ĉe la tagiĝo mi vidis du aferojn: la bluajn vestaĵojn de Vera ĵetitaj ĉe la bordo dum ŝi banis sin, kaj homon vestita per vestaĵoj de la dudeka jarcento kaj ne de la trideka, kiu lante alproksimiĝis al Vera kaj kisis ŝin, karesante milde ŝian dorson. Mi reprenis mian maŝinon kaj ĵetis min kure kontraŭ ilin, ne povante deteni la impulson eĉ vidinte tion, kion mi vidis. Mi batis lin violente kaj li falis, mi kredas, morta; kaj en la maŝino io devis okazi ĉar la sceno grade malklariĝis kaj malproksimiĝis malgraŭ miaj streboj halti kaj reiri.

Kaj jen sekvas tio, kion neniu kredos: tiu viro estis mi mem. Mi ne scias ĉu mi trafos klarigi al vi. Mi nerapide ekkomprenis, sed, ĉar vojaĝo tra la tempo daŭras tiom, kiom plezura vojaĝo sur maro, mi havis sufiĉan tempon por pripensado. Se eblas vojaĝi en la futuron, ankaŭ eblas revojaĝi, kaj se tion oni faras en la saman punkton, en kiu oni estis unuafoje, oni trovos sin

mem, ĉar oni vere vivis tie kaj la vivo estas nedetruebla. Tiuj du viroj, kiuj batalis, estis nur unu kvankam du, ĉar tiu alia viro estis mi mem reveninta en la jaro tri mil post kelkaj monatoj. Terure: el inter tiom da troveblaj personoj, mi devis trovi min tuje... "Ne povas esti -mi ripetadis-, mi iris denove ĉar mi revenis; mi revenas por povi foriri duan fojon". Tamen, io estis reala, kaj tio estis la perdo de Vera. Mi elĉerpiĝis pridemandante min pri tia ega maljusteco. Mil fojojn mi klopodis retroiri, sed la maŝino funkciis nur unudirekten. Finfine, mi ŝultrolevis kaj rezignis iri returne.

Nun mi redaktas ĉi kronikon en la intertempo inter miaj du vojaĝoj en la futuron, en kafejo de la strato Viamonte, malvarman kaj pluveman tagon de junio. Tri knabinoj krias kiel birdoj rakontante inter si amuzajn historiojn; el la manoj de kelnero glitfalas taseto inter ties blasfemoj; vireca virino trinkas duoblan porcion da ĝino, kaj mia destino ŝajnas al mi nekredebla. Nun nur restas al mi reiri tien per la refarita maŝino, diri tion, kion mi jam diris, aŭdi tion, kion mi jam aŭdis. kaj ricevi la vundun kiun mi kaŭzis. La ununura konsolo estos vidi denove Vera-n banante sin ĉe la lumo de la mateniĝo. Tamen, la libereco, mi ĵuras, estas trompo.

**Aŭtoro: Carlos Peralta (Argentino)**
**Elkastiliigo de: Liven Dek**

**NEKROLOGO**

S-ino Agustina Roca Mas.

Okaze de kolektiva vojaĝo al suda urbo Malago, kaj kiam ŝi gastis en hotelo, subita koratako okazigis ŝian morton. Oni temas pri 70 jara virino, vidvino de Rebollo. Ŝi estis esperantistino tre afabla kaj simpatia karaktero, ĉiam gaja kaj ridema altirinta ĉies atenton.
Oni trovis ŝin en ĉiuj katalunaj renkontiĝoj kaj hispanaj kongresoj de Esperanto respektive.
Pro tiel dolora kaj neatendita forpaso, ni prezentas al ŝia familio, nian plej kortuŝan kaj sinceran kondolencon.
Ke ŝi pace ripozu!
BARCELONO, la 21 an de Aprilo 1977 a

DONATIVOS PARA EL F.A.L.P.
(Fondo para la adquisición del local en propiedad)

| | |
|---|---|
| Suma anterior . . . . | 587.442,– |
| Florentino Fuentes . . . . . | 500,– |
| Gerardo Flores . . . . . . . | 5.000, |
| Total . . . . . . . . . | 592.942,– |

Nova Adreso de S-ro

**JAIME MIRO GINE**
Villa Fontana II, casa 39 - 3º C
MOSTOLES (Madrid)

# NI DEVAS GRATULI ....

Nian esperantistan poeton Gabriel Mora i Arana, ĉar li estis laŭreata per la Natura Floro, ĉe la katalunlingvaj Floraj Ludoj en Barcelono (1-a Majo 1977), la tradicia literatura festo, restarigita en la jaro 1859, kaj kiu nediskuteble iniciatis la longan vojon kondukantan al kampo de la eŭropaj beletroj, ĉar dank'al vere elstaraj poetoj Jacint Verdaguer, Angel Guimerá, Josep M.ª de Segarra, kaj multaj kaj multaj aliaj poetoj, dramverkistoj, eseistoj, k.t.p. (tiel bone reprezentitaj en nia Kataluna Antologio), la lingvaĵo estis eltirita el popolturnoj al cirklo de bonegaj stilformoj.

En alia okazo, ni prezentos al niaj legantoj, en formo de biografio kaj sen flatema inklino, la veran personecon de nia s-ano Mora i Arana, kiu devas esti bonvenata al nia movado kiel inspirita poeto de profunda sento. En kataluna lingvo li fariĝis majstra poeto, ĉar, ne nur kiel diversfoje laŭreata poeto, sed ankaŭ pro liaj multaj poeziaĵoj verkitaj.

Post la malapero de niaj esperantaj poetoj Julio Baghy kaj K. Kalocsay, nia poezia kampo restis en duonsoleco, kaj mi esperas kaj deziras okupiĝon de tiu malplena loko, kaj s-ro Gabriel Mora i Arana, pro liaj verkitaj poemoj en Esperanto, paŝas vole-ne-vole al tiu soleca flanko de nia Beletro.

Eduard Capdevila (Valencia)

Noto: Pri Floraj Ludoj en Katalunujo, la leganto trovos en revuo HORIZONTO (Nov.-Dec. 1976) interesan artikolon pri tiu literatura festo, de ĝia kreado en 14-a jarcento ĝis nuntempo. Tiun artikolon ni ŝuldas ankaŭ al nia poeto G. Mora i Arana.



**FLORAJ LUDOJ DE BARCELONO**

**La pasintan 1-an de majo, je la kvina posttagmeze okazis ĉe la "Saló de Cent" la festo de la FLORAJ LUDOJ DE BARCELONO. Plezure ni informas vin ke nia kara kunlaboranto en la taskoj de la Redakcio s-ro Gabriel Mora i Arana gajnis la plej valoran premion "NATURA FLORO". Supra fotografio atestigas tion; akompanas lin la reĝino de la FLORAJ LUDOJ f-ino Maria del Roser Vilanova y Lleonart.**
**La menciita aranĝo estis prezidita de la urbestro de Barcelono s-ro José María Socias Humbert.**



# IOM PRI

# "L'ATLANTIDA"

La unuan majan dimanĉon de la jaro 1877-a (do, ĝuste, antaŭ unu jarcento), la Konsistorio de la Floraj Ludoj de Barcelona premiis la poste faman epopeon de Jacint VERDAGUER, "L'ATLANTIDA" kiu rangas, nedubeble, en unua loko inter tiuj samĝenraj verkitaj en Hispanujo.

Tiu impona verko estas la plej elstara pinto de la literaturo katalunlingva ek de la Renaskiĝo, ne nur pri ĝia sublima kreopoveco, sed ankaŭ pri la definitiva elsaviĝo de tiu antaŭe floranta lingvo kiu restis dum tricent jaroj en iompostioma marasma dekadenco kaj degradiĝo. La bardo de la vilaĝeto Folgueroles kapablis per sia natura genio rangigi denove al uzo nobla de la beletro centojn da vortoj kiuj bonŝance restis izolite, netuŝite, en la montaro kaj la kamparo.

La plej glora kataluna poeto de la moderna epoko, Jacint VERDAGUER, enmense koncipis tiun eksterordinaran poemon, jam kiam li estis simpla junulo laboranta kiel kamparano, kaj, samtempe, pastra studento. Li, de ĉiam tre fantaziema, nepre bezonis esprimi siajn revojn poezie. Li mem skribis en la antaŭvortoj de sia kreaĵo, ke legante la "Dialogojn" de Platono li sentis la deziron elpensi poezian kaj spekulativan argumenton pri la geologia malaperiĝo de la Atlantido. Per sia fantazio li komencis planadi kaj ekverki poemegon prikantantan la kataklisman neniiĝon kaj enfundiĝon de tiu supozita aŭ fabela kontinento.

Helen-mitaj, prahistoriaj kaj legendaj herooj, rolas intermiksite. Bildiĝas kunligite kristanaj simboloj kaj paganaj ritoj; priskriboj de oceanoj tumultemaj, altegaj, montoj kaj idiliaj insuloj; monstroj kaj senhelpaj estaĵoj. Ĉio ebliĝas en tiu grandioza epopeo, kaj ĉio estas laŭ mezuro ciklopa, titana, kolosa aŭ de simplaj homoj korvunditaj. Mildaj kaj teneraj sentimentoj ne forrestas en liaj aleksandraj versoj, kiuj fluas laŭ plej taŭga impeto de lia pasia kaj fekunda inspiro. La morto de la Princino Pirene, la vizio pri la ĝardeno de la Hesperidinoj, la sonĝo de la reĝino Izabela, la aperiĝo de la greka insularo, estas belaj specimenoj de lirismo kortuŝa.

La poeto havis la ŝancon fini sian altflugan versaĵon krozante la Atlantikon (tombon de la Atlantido) kiel ŝip-pastro. Lia laboro daŭris, entute, almenaŭ dek jarojn. Oni diras ke mankas en ĉi-tiu epopeo ĉefrolanta heroo, sed ĝin anstataŭas perfekte la propra Naturo laŭ siaj plej variaj aspektoj.

En la "Kataluna Antologio" Josep Grau Casas prezentis meritplenajn tradukojn de iuj elstaraj fragmentoj de "L'Atlàntida". Do, estas devo de katalunaj esperantistoj iel rememori omaĝe tiun jarcentan datrevenon.

Gabriel MORA i ARANA

# KOLOMANO KALOCSAY

Paroli pri Kolomano Kalocsay estas tre malfacile, ĉar homo kiel li, kiu estis kvazaŭ milfacetita brilianto, posedanta en siaj vejnoj la vervon de la poezio; tia homo, kiu dum tuta sia vivo sin devigis per ŝtala disciplino traduki en esperanton la plej rafinitajn juvelojn de la monda literaturo; kies voĉa tembro streĉadis la korajn kordojn de la geaŭskultantoj; li, kiu konstruis la fundamenton de la esperanta metriko, kaj traesplorinte la tutan vivantan esperantan lingvon, eltrovis la lingvajn normojn rilate la vortkunmetadon kaj verkis parton el la erudicia kolosa "Plena Gramatiko", estas tute ne eble, dum la daŭro de prelegȯ, prezenti liajn geniecon kaj humanecon.

Li estis poeto, gramatikisto, rapsodo, kuracisto, esperantologo, preleganto, instruisto, filologo, aŭtoro, tradukisto, editoro, kaj precipe modesta homo. Li estis ĉiam preta helpi iun ajn; konstante konsilis novajn talentojn; kunlaboris en la kreado de novaj verkoj por la esperantista popolo; kontribuis per siaj fakaj artikoloj ĉiujn gravajn esperantajn gazetojn...

Li estis kaj geniulo kaj talentulo. Li posedis la eksterordinaran instinktan kapablon originale krei, kaj lia talento evoluiĝis per pensa ekzerciĝo kaj sindediĉo.

Kiam ni rigardadas je la nigra nokto dum niaj someraj ferioj sur la kamparo la ĉielon, kie miriadoj da malgrandaj steloj briletas kaj subite aperas en la firmamento kometo kun longa luma vosto, tiu mirinda okazaĵo impresas profunde nian spiriton, kaj ĝi restas en ni, kiel bela rememoro. Same, estis Kalocsay: li estis homa kometo milfoje pli brila, kiu lumigis la esperantan mondon per sia propra poezia lumo, per siaj radioj li donis al ni plej indajn tradukaĵojn, per sia modesteco li oferis al ĉiuj esperantistoj amon kaj amikecon. Eĉ ni, kiuj eble neniu persone konis lin nek korespondis kun li, ni ĉiuj sin sentas lian amikon.

Ni omaĝas al li per tiu ĉi simpla festeto, tamen, ni amas lin. Ni lin amas pro liaj sentemaj valoroj, pro liaj tradukoj, pro liaj penadoj kaj streĉoj favore al la Internacia Lingvo. Ni dankas sincere lin. Kaj li estu certa, ke dum ekzistos homoj kiel li, Esperanto neniam mortos.

Kiam ni legas liajn belajn versojn plenaj da entuziasmo, beleco kaj filozofio, la subtilaj haretoj de nia korpa haŭto hirtiĝas; Ni sentas en tiu momento, certe, la samon kion li sentis je la verkado; ni ĝuas la aromon de la versoj same kiel li flaris la imagon de sia kreitaĵo; ni emociploras, kiam nia kora kordo streĉiĝas pro la rimantaj vortoj plenaj da sento, beleco kaj amo.

La tutan filozofan talenton lian ni trovas en du, ŝajne sensignifaj, versaj linioj; jen:

*"Tre mallongan tempon vivas la matena guto de roso,*
*sed dum ĝi ekzistas, en ĝi respegulas sin la ĉiel'."*

Li estis, tiel kiel li mem verkis en la ĵus legitaj du linioj, eta kaj granda, granda kaj eta.

Petro Nuez

# *SCIENCA MONDO*

Ekde 1976, Tutmonda Federacio de Sciencaj Laboristoj aperigas sian organon "Scienca Mondo", krom en franca, germana, angla kaj rusa, ankaŭ en Esperanto, 4 -foje jare, ĉiu libreto kun 32 paĝoj.

La Tutmonda Federacio de Sciencaj Laboristoj estas aŭtoritata internacia organizaĵo havanta statuton "A" en UNESKO kaj pli ol 300.000 membrojn en la tuta mondo.
La jarabono estas 2 usonaj dolaroj. La dezirantoj povas sendi la abonsumon al nia konto: 463-029-3006, Bulgara Eksterlanda Komerca Banko, Asocio de Sciencaj Laboristoj en Bulgario. Aparte ili skribu informan leteron al nia redakcio pli iliaj abonoj kaj adresoj al: Asocio de Sciencaj Laboristoj en Bulgario, Redakcio de "Scienca Mondo", bul. Tolbuhin 18. Sofia 1000, BULGARIO.



Colegio Nacional - 1973 - Ekuzo de Flago

---

# *INTERNACIA JURA REVUO*

Jam la 13-an jaron aperadas **Internacia Jura Revuo,** sendube unu el la plej gravaj fakaj periodaĵoj en la Internacia Lingvo. La revuo estas organo de Internacia Esperanto-Asocio de Juristoj. (IEAJ). Ĝi aperas du fojojn jare kun varia faka enhavo, ĉefe en la sferoj de jura teorio, kompara juro kaj internacia juro.

La jara kotizo por ĉiuj membroj estas 120 aŭstriaj ŝilingoj aŭ egalvaloro laŭ la kurzo en la tago de la pago.

La kotizojn, abonojn kaj kontribuojn por la fondaĵo IJR bv. sendi al sekretario-kasito D-ro Klaus Perko, Lendkai 111,A-8020 Graz, Aŭstrio, poŝta ĉekkonto n-ro 1257.845.

# CUENTA DE

## COBROS

| | |
|---|---|
| Saldo en 1 de enero de 1976 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 8.451,39 |
| Cuotas atrasadas . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 6.860,— |
| Cuotas de 1976 . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 110.830,— |
| Reembolsos (cuotas de 1976 más gastos) . . . . . . . . . . . . . . | 54.441,— |
| Cuotas de Dumvivaj Membroj 1976 . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 25.000,— |
| Curso H.E.F. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 500,— |
| Donativos de 1976 para Boletín . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 9.157,— |
| Cuotas de 1977 (anticipadas) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 27.500,— |
| Donativos para Boletín de 1977 (anticipados) . . . . . . . . . . | 3.000,— |
| Intereses Banco Español de Crédito . . . . . . . . . . . . . . . . . | 32,81 |
| Intereses Banco de Santander . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 18,— |
| Congreso de El Ferrol (derechos examen, etc) . . . . . . . . . . | 1.530,— |
| Entregado por el Libroservo de H.E.F. . . . . . . . . . . . . . . . | 10.000,— |
| Premio de Loteria de Navidad . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 500,— |
| Donativos para el F.A.L.P. (586.442/506.442) . . . . . . . . . . | 80.000,— |
| | **337.820,20** |

Angel Figuerola
Presidente de H.E.F.

# TESORERIA AÑO 1976

## PAGOS

| | | |
|---|---|---|
| Secretaría | | 5.224,— |
| Tesorería | | 5.134,84 |
| Facturas de Ibergráficas, S.A. | | 148.858,— |
| Gastos envío Boletín | | 9.906,50 |
| Obsequio a Directora del Boletín | | 1.750,— |
| Placas con direcciones y 3 cajones para su archivo | | 5.389,— |
| Cuota de U.E.A. 1976 | | 12.600,— |
| Suscripción "Heroldo" | | 550,— |
| Gastos de local y oficina | | 24.783,— |
| Comunidad de Propietarios | 8.160,— | |
| Contribución 1976 | 2.110,— | |
| Teléfono | 8.371,— | |
| Luz eléctrica | 2.142,— | |
| Portero | 1.200,— | |
| Limpieza Secretaría | 2.800,— | |
| Local de Secretaría | | 92.819,— |
| 10 efectos de 7.775 Ptas | 77.750,— | |
| Hipoteca Caja de Ahorros | 15.069,— | |
| | | 307.014,34 |
| SALDO A CUENTA NUEVA | | 30.805,86 |
| | | 337.820,20 |

Gerardo Flores
Tesorero

# BALANCE DE SITUACION

| | | |
|---|---|---|
| DISPONIBLE . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | | 30.805,86 |
| Caja y Bancos | | |
| REALIZABLE . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | | 96.917,— |
| Existencias de Libroservo de H.E.F. | | |
| MATERIAL CONSUMIBLE . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | | 10.000,— |
| Tarjetas, cartas, sobres, sellos, placas | | |
| INMOVILIZADO . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | | 754.736,— |
| Local en propiedad . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 692.500,— | |
| Mobiliario adquirido . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 8.160,— | |
| Mobiliario donado . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 25.000,— | |
| Instalación eléctrica . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 3.900,— | |
| Máquina de escribir . . . . . . . . . . . . . . . . . . | 4.016,— | |
| Fianza Unión Eléctrica . . . . . . . . . . . . . . . . | 1.160,— | |
| Impresora FIMI, donada . . . . . . . . . . . . . . . | 20.000,— | |
| | | **892,458,86** |

Angel Figuerola
Presidente de H.E.F.

# EN 31 DE DICIEMBRE DE 1976

| | | |
|---|---|---|
| EXIGIBLE ........................... | | 51.149,49 |
| Hipoteca del local de Secretaría | | |
| FUNCIONAMIENTO ........................ | | 65.903,— |
| Cuotas de 1977, cobradas en 1976:....... | 27.500,— | |
| Donativos 1977, cobrados en 1976: ...... | 3.000,— | |
| Boletín 11/12 1976, pendiente ......... | 27.072,— | |
| Factura Eld-Fako, pendiente ........... | 8.331,— | |
| PATRIMONIO DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO EN 31 DE DICIEMBRE DE 1976 .......... | | 775.406,37 |
| Saldo en 31. XII. 1975 ................ | 691.828,09 | |
| Excedente del año 1976 ................ | 83.578,28 | |
| | | **892.458,86** |

Gerardo Flores
Tesorero

# CUENTA DE RESULTADOS — AÑO 1976

**INGRESOS**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuotas atrasadas | | 6.860,— | |
| Cuotas de 1976 | | 110.830,— | |
| Reembolsos (cuotas de 1976 más gastos) | | 54.441,— | |
| Cuotas Dumvivaj Membroj 1976 | | 25.000,— | |
| Curso H.E.F. | | 500,— | |
| Donativos para el Boletín 1976 | | 9.157,— | |
| Intereses del Banco Español de Crédito | | 32,81 | |
| Intereses del Banco de Santander | | 18,— | |
| Congreso de El Ferrol: derechos de exámen, etc. | | 1.530,— | |
| Beneficio del Libroservo de H.E.F. | | 16.811,— | |
| Premio de Lotería de Navidad | | 500,— | |
| Cuotas de 1976 cobradas en 1975 | | 8.800,— | |
| Donativos para el Boletín 1976, cobrados en 1975 | | 1.025,— | |
| Donativos para el F.A.L.P. | | 80.000,— | |
| Donativo de una máquina impresora de direcciones | | 20.000,— | |
| Suman los ingresos | | | **335.504,81** |

**GASTOS**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Secretaría y Tesorería | | 11.997,84 | |
| Valor del material en 1/1/1976 | 6.250,— | | |
| Gastos y compras en 1976 | 10.358,84 | | |
| Placas para direcciones y archivadores | 5.389,— | | |
| | 21.997,84 | | |
| Valor del material en 31/XII/1976 | 10.000,— | | |
| Consumido durante el año 1976 | 11.997,84 | | |
| Imprenta "Ibergráficas, S.A." | | 148.858,— | |
| Gastos de remesa del Boletín, etc. | | 9.906,50 | |
| Obsequio a la Directora del Boletín.- | | 1.750,— | |
| Cuota de U.E.A. (1976) | | 12.600,— | |
| Suscripción "Heroldo" | | 550,— | |
| Factura Boletín noviembre/diciembre (pendiente pago) | | 27.072,— | |
| Factura Eldona Fako (pendiente de pago) | | 8.331,— | |
| Gastos del local y oficina | | 24.783,— | |
| Intereses de la hipoteca del local de Secretaría | | 6.078,19 | |
| Suman los gastos | | | **251.926,53** |
| EXCEDENTE | | | 83.578,28 |

Angel Figuerola
Presidente de H.E.F.

Gerardo Flores
Tesorero

# *IMITINDA ARANGO*

La Esperanto-Grupo "Fido kaj Espero" el Valladolid, okazigis, dum la pasinta jaro, regulajn paroladojn la lastan mardon de ĉiu monato. Inter ili, ni reliefigas la paroladon de s-ro L. Hernández pri "LA UTILECO DE LA DELEGITOJ DE UEA". Ĝi temis pri la vojaĝo, kiun li kun sia edzino efektivigis la pasintan someron tra Ĉeĥoslovakio, Hungario kaj Aŭstrio, elstaranta la grava servo, kiun al ili faris la delegita reto de UEA.

Unue, per trankvila voĉo kaj per facila elokvento, li parolis al ni pri la origino de la delegita reto (Konsuloj -laŭ la antikva nomo en la dua Universala Kongreso de Ĝenevo-), kvankam, jam en la unua Universala Kongreso, oni sentis la neceson,ke libervolaj esperantistoj de la tuta mondo helpu unuj la aliajn.

Li parolis pri la Jarlibro de UEA. Kaj ĝia utileco, kaj pri la kondiĉoj, kiujn oni devas plenumi por bone uzi tiun servon.

Poste, detale, li rakontis al ni la ricevitan helpon far la delegitoj de UEA. en la vizitataj landoj, komencante pri Francujo, lando kiun ili devis trapasi por atingi Pragon, kaj poste Hungarion.

Tra lia parolado, ni vivis liajn travivaĵojn, ŝajnante al la aŭskultantaro kvazaŭ ni estus partoprenantaj en la vojaĝo.

Li finis la paroladon ricevante tondran aplaŭdon de la aŭskultantaro

A. Diez

# *KVAR KURS-PRELEGOJ DUM UNU SEMAJNO!*

Llech-Walter, delegito de UEA en Perpinjano, Prezidinto de U.F.E., Prezidanto de la Federacio "Langvedoko-Rusiljono", faris, mardon 22/2, du kurs-prelegojn antaŭ 80 gelernantoj de la kolegio "Albert Camus" en Perpinjano.

La departementa asocio de la "Eŭropa Movado", prezidanto Leprince Ringuet, invitis Llech-Walter, por prelegi pri "Esperanto, lingvo de Eŭropo" antaŭ la membroj, ne-esperantistoj, de tiu movado. La grava fakto estas ke grava asocio ne esperantista petis preleganton por paroli pri Esperanto. Tiu prelego okazis do en la "Domo de Eŭropo" en Nico vendredon la 25-an de februaro.

Sabaton 26/2, kvara prelego kaj kurso en Kanno ĉe Kultura Centro de la Urbo. Ĉeestis multaj ne-esperantistoj, la deputito urbestro kaj urba-konsilanto.

A. V.

# ORGANIZADO KAJ EFIKECO

Ne estas dubo, ke izolitaj strebadoj, oftaj kontraŭantaj, restas sen efikeco. Pro tio estas necese, ke ĉiu kolektiva agado estu organizita. Sed multfoje pro troa inklino al centra organizo oni mortigas la liberan individuan spiriton, kiu movigas la individuan agadon. Se la libera iniciativo ne povas esti individua kaprico, ankaŭ troa centra organizo povas velkigi la necesan entuziasmon por libera senpaga laboro rekte oferata al io tiel abstrakta kiel estas la Homaro. Konscie akceptata aŭ eĉ nekonscie farata, la laboro por Esperanto apartenas kaj al la morala devo kaj al idealismo. Neniu el ni havas materialan profiton el ĝi.

En rilato al nia nacia movado ni povas konsideri ĝin ne tiel forta kiel tiu de antaŭ la civilmilito. Krom la kataluna, nun iom floranta, la restanta preskaŭ stagnas. Tamen ni povas percepti, ke kiam kunagadas entuziasme rondeto de esperantistoj, la esperantismo povas flori kaj enradikiĝi. La ekzemplo de Sabadell ne estas ia okaza escepto, povas esti ĝenerala florado en kiu ajn loko kie aktivus similaj esperantistoj. Ĉiu fortigu sian lokan grupon. Ĉiu grupo devas kunhelpi la najbaran aŭ fondi ilin. La komuna celebrado de la Zamenhof-Tago de Sabadell kaj Tarrasa estas sekvenda agado.

Povas esti, ke la Barcelona provinca kunagado, precipe en la ĉiujaraj renkontiĝoj kaj nun en la tasko de la Kunordiga Kataluna Komitato estu la kialo de la pli forta esperantismo en Katalunio. Pro kio ne organizi en ĉiu hispana regiono similajn kunordigajn komitatojn? La federacia struktura de H.E.F. kun voĉdonantoj apartenantaj al la diversaj regionoj permesas kaj favoras stabli tiujn kunordigajn komitatojn sub la prezidanteco de membroj apartenantaj al la estraro de H.E.F.

Antaŭ la civilmilito la esperantismo floris en la tuta Hispanio. Ĝi ne mortis sed ne prosperas kiel estas nia deziro nek kiel estas necese. Aliaj ideoj laŭŝajne mortintaj en nia lando nun reviviĝas pli forte ol antaŭe. Ni estu pretaj por ke Esperanto ankaŭ plifortiĝu pli ol antaŭe dank'al nia estuziasma laboro sed ankaŭ kun la organizo adekvata al la novaj tempoj kaj al la vastaj celoj, kiujn la esperantismo devas enhavi. La humana ideo de la esperantismo devas disvastiĝi kaj plifortiĝi ĝis atingi esti la precipa historia faktoro por la unuiĝo kaj la paco de la mondo. Unuiĝo en libero, tio estas federala. Federalismo, kiun, kiel ekzemplo, devas speguli nian men organizajon.

Iu el la plej necesaj taskoj de la proksima Nacia Kongreso de Esperanto en Sabadell povas esti precize la fondiĝo de similaj komitatoj al la Kataluna, en ĉiu regiono de Hispanio.

G. Moya



La 5a Nivelo de E.G.B. kantas kun sia muzika profesoro. Ili sekvas la verdan stelon per la partopreno en Esperanto-Kurso. La kurso okazas en la lernejo "La Salle-Antúnez" en Las Palmas de G. Canaria. Ili tradukis la furora televizia kanto "Marko". Jen estas ĝi

# Marko

*En itala havenurbo*
*apude de montaro*
*loĝas nia amiko Marko*
*en tre humila loĝejo.*
*Li ellitiĝas frumatene*
*por helpi sian bonan patrinon.*

*Tamen tagon la malĝojo*
*alvenas en lian kor':*
*patrino devas foriri*
*tra la grand' maro*
*al fora land'.*

*Ne foriru patrin',*
*ne foriĝu de mi!*
*Adiaŭ patrin',*
*mi pensegos je vi.*
*Ne forgesu, patrin'*
*tiun-ĉi vian hejm';*
*Se vi ne baldaŭ venos,*
*ĉie mi serĉos vin:*
*ne gravas kien vi iros*
*mi trovos vin.*




"CASA DE CULTURA"

**Sidejo de la 19-a Kataluna Esperantista Renkontiĝo en "Cornellá"**